13-a jaro. — N-ro 6-7 (148-149) JUNIO-JULIO 1927

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 12,50
EKSTERLANDE: Belgoj 4.—

ANTVERPENO
1927

13a JARO N-ro 6-7 (148-149) JUNIO-JULIO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 94, Avenue Bel-Air, Uccle Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

NIA LANDA JARFESTO.

## LA XVIa BELGA KONGRESO EN MONS

### EN LA AKCEPTEJO.

Kvankam ne ege varma, la vetero tamen estis duonfavora al la gekongresanoj, kiuj Sabate vespere jam alvenis en Mons..

Elirante la stacidomon, jam ekmontriĝis flirtantaj sub la vento, la verda kaj blanka koloroj ĉe la balkono de la akceptejo.

Tie ni premis multajn amikajn manojn, kaj interkonatiĝis kun S-ro Casy, la sekretario de la loka arĥeologia Klubo, kiu zorge aranĝis la precipajn kongresaferojn, kaj kiu ankaŭ dum la sekvanta tago estos la gvidanto de la Esperantistaj gekongresanoj, tra la beleta kaj interesa urbo de Mons.

En la akceptejo, S-ro Petiau, tutsole malfeliĉe riprezentis la tutan lokan organizan komitaton kaj plenumis la laciga laboron, helpi ĉiujn alvenantojn, doni al ili ĉiujn necesajn klarigojn, k. c. Se li estis sola por tiu ĉi laboro, estis tamen nur malfeliĉe por li, ne por tiuj, por kiuj li zorgis, ĉar laboro nedividita ofte pli bone kaj pli facile efektiviĝas, ol dividita, kiu superas eble per rapideco, malofte per perfekteco.

* * *

### PUBLIKAJ PAROLADOJ.

De la akceptejo, ĉiu iris al sia hotelo por, post vojaĝo ja necesa refreŝiĝo kaj por la vespera manĝado... kaj, iom poste, multnombre oni revidis unu la alian en ĉambrego de la Urbdomo, kiun la urbestraro bonvole kaj senpage metis je nia dispono.

Ĉar la urbestrara subteno kaj favoro estis ja certe la karakterizo de la Mons'a kongreso. Se dum ĉiuj niaj naciaj kongresoj, ni ja havis la

honoron esti akceptataj en la urbdomo,ni malofte naĝis en tia atmosfero de oficiala apogo, de oficiala interesiĝo kaj de oficiala kompreno.

La influo de S-ro Casy, en Mons, estis certe la precipa helpilo por akiri al ni tiun oficialan subtenon, sed, aliparte, ni tamen ankaŭ spertis dum la tuta kongreso ke tiuj simpatiesprimoj ne estis faritaj nur por pelzurigi kiun ajn, sed ĉar la afero vere interesis. Kaj je tiu vidpunkto, la paroloj, kiujn la simpatia urbestro, S-ro Maistriau diris, klare montris, ke ni ne devas malesperi vidi baldaŭan flororiĉan ekeston de esperanta vivo en Mons.

Subteno de la «Maison du Livre», kiu bonvolis akcepti dum la kongreso librodeponejon kaj kiu organizis eĉ specialan librodisvendadon, kaj nun interkonsentis kun «Belga Esperanto - Instituto» por daŭrigi estonte la vendadon de Esperantaj libroj, multe helpos ankaŭ al la efektivigo de tiu espero.

Sed reparolu ni pri la kunveno mem en la urbdomo:

Al la Esperantistoj sin miksis nun multaj loĝantoj de Mons, inter kiuj diversaj aŭtoritatuloj gvidataj de la urbestro. La paroladoj efektive plej grandparte okazis propagandcele en franca lingvo.

La unua paroladisto estis neniu alia ol nia eminenta gvidanto, S-ro D-ro Privat, kiu la antaŭan semajnon vizitis la Holandan Esperantistan Kongreson nacian kaj kiu post vizito al la loka sekcia de la Ligo, en Antverpeno, la grupo «La Verda Stelo» kaj al Bruselo, kie S-ro D-ro P. Kempeneers, la sindona prezidanto de la Brusela grupo, organizis je lia honoro diversajn akceptojn, alvenis nun en Mons, laŭ invito farita en Praha, pere de S-ro Schoofs, nome de la Belga Ligo.

Rakonti kion enhavis tiu parolado propaganda estas malfacila afero. Ĝi efektive estis tiom malsama de aliaj samcelaj paroladoj, kaj ĝia argumentado ripozis sur tiom da diversaj faktoj, kiuj dependas unu de la alia, ke resumo donus malklaran ideon pri la enhavo.

Diru ni, ke S-ro Privat restis kiom eble plej multe for de iu vana frazeologio, bazita sur la ideala flanko de nia movado, sed precipe apogis sin sur multnombraj faktoj, kiujn lia privata situacio de diplomato ĉe la Ligo de Nacioj, elektigis plej grandparte el la kampo de la etnologio kaj de l'postmilita emado de la popoloj kaj de la rasoj al memregeco.

Se S-ro Privat lerte klarigis sian subjekton kaj estis multe kaj longtempe aplaŭdita, S-ro Cogen montris sin veran Pic de la Mirandole en la klarigado de nia lingva sistemo. Iom teĥnika por ne-esperantistoj, lia parolado tamen iĝis tute komprenebla dank'al kolekto de lumbildoj, kiujn oni povus arigi sub la titolo «Ĉio kio ekzistas en kaj pri Esperanto, en unu vespero».

Estis scienca konkludo al agrabla vespero.

Kaj por multaj intertempe estis alveninta la momento de l'ripozo, krom

por kelkaj, kiuj fiere ĵuris unu al la alia ne reĥejmiĝi antaŭ la laŭleĝa fermhoro.

Tiuj, sub la protekto de la gvidantoj de nia movado, ankoraŭ en diversaj ejoj, kaj en malhelaj stratoj aŭdigis nian lingvon, ĝis kiam la kruela fermhoro metigis ĉiujn eksteren, el malgranda kafetejo, kie la kelnerinoj multe pli gajaj estas — ni esperu almenaŭ — kiam ili povas valonlingve babiladi kun la Monsanoj, ol kiam ili aŭdis niajn Esperanto - sonojn.

* * *

## HONORIGO DE LA MORTINTOJ.

Dimanĉmatene. Kunveno en la akceptejo. Promenado tra la urbo al la monumento je l'honoro de la infanoj de Mons, kiuj mortis dum la milito.

Ege simpla sed kortuŝa vizito. Je l'nomo de ĉiuj S-ro Cogen metis ĉe la monumento, belan garbon de floroj, dum ni ĉiuj sekvantare kaj respektplene pasis antaŭ ĝi.

* * *

## LABORKUNSIDO.

Sama salono en la urbdomo, kiel sabate vespere.

Ĉe la administrantara tablo: S-ro Privat, la Estraro de Belga Ligo, kaj S-ro Casy.

S-ro Cogen, kiu prezidis, legis la sekvantan paroladon:

Karaj Gesamideanoj,

Mia prezidanta saluto la plej kora iras al ĉi ĉiuj, kiuj, malgraŭ la multekosteco de la nuntempa vivo, kunvenis en nian hodiaŭan kongresurbon el ĉiuj partoj de Belgujo kaj ankaŭ el diversaj landoj de l'monda Esperantujo! Estu ĉiuj kore bonvenintaj en urbo Mons, vi kuraĝaj kaj konvinkitaj geapostoloj de nia kara Ideo! Via multnombra ĉeesto estas garantio de l'bona laboro, kiun ni efektivigos en la Borinaĝa regiono kaj ĝi estas, krome, grave kuraĝdona al ni, la organizantoj de niaj ĉiujaraj solenaj kunvenoj! Honoro do al vi ĉiuj! Sed bonvenon kaj honoron speciale al la dua Majstro de nia tutmonda movado, mi nomis D-ron Edmond Privat, kaj koran bonvenon ankaŭ al Sinjorino Privat. Ilia ĉeesto en nia kongreso estas ekstreme honorplena kaj kuraĝiga kaj je l'nomo de ĉiuj gekongresanoj mi danke salutas ilin ambaŭ!

Kun mia saluto mi kundonas al vi ankaŭ tiun de nia bonega amiko, S-ro Witteryck, nia amata Liga Prezidanto, kaj se li ne estas persone inter ni, mi almenaŭ povas diri, ke tio ne devenas ĉefe de malsana stato, sed precipe de cirkonstanco sendependa de lia bonvolo; mi, efektive, antaŭ kelka tempo, ricevis de li leteron plenan je ĝojiga kuraĝo. Ni certe ne rajtas forgesi lin kaj mi proponas, ke ni sendu al li salutan telegramon.

Kaj nun,mia unua vorto,karaj geamikoj, devas esti vorto de sincera danko al tiuj,kiuj klopodis por eblegi kaj organizi la nunan kongreson. Ili estas ne multenombraj, ĉar Mons ne jam estis urbo provizita je multana Esperantista kolonio! Ni ĉion ŝuldas al nia lerta kaj vigla Liga Sekretario, nia amiko Petiau, kiu kun la helpo de afabla loka samideano, sinjoro Hamaide, malkovris ĉi tie la multvaloran kaj multŝatatan «rara avis», kiu en Mons mem aranĝis absolute tute sola nian kongreson, helpata tamen aminde de S-ro Fiévé, kaj tiu «rara avis» kiu fariĝis nia sindonemega kaj laŭdindega nova amiko, estas sinjoro Gustave Casy, sekretario de l'Arheologia Klubo el Mons. Se ni ŝuldas dankon al Sinjoro Petiau kaj Hamaide, mi proponas al vi, geamikoj, danksigne aklami laŭte nian ne sufiĉe dankeblan amikon Casy!

Kaj niaj danksentoj iru ankaŭ al la Mons'a urbestraro, kiu, laŭ malnova kutimo, bonvolis akcepti nin feste kaj solene en la bela urbdomo kaj kiu afable donis al ni nian kongresejon kaj nian festejon.

Pasintan jaron, geamikoj, nia Liga Sekretario esprimis la ideon ke la jarperiodo Pentekosto 1926a ĝis 1927a estos la periodo de l'ĝoja efektiviĝo, kaj la raporto, kiun li baldaŭ prezentos, montros al vi ĝis kia grado tiu efektiviĝo realiĝis. Vi konstatos, ke ni povas esti certe tre kontentaj pri la akiritaj rezultatoj, kaj kun li mi speciale altiras vian atenton sur nia gravega nacia sukceso en la radiofonia kampo; cetere mi jam diris al vi, ke en kaj per ĝi Esperanto certe atingos sian fian venkon!

Antaŭ ol paroli al vi pri aliaj okazintaĵoj, decas, ke mi atentigas vin pri la ĝojo kaj la graveco por nia movado, kiu estis por ni la novaĵo de la fianĉiĝo kaj de la edziĝo de nia Liga honora prezidanto, nia populara Princo Léopold, je la aminda Princino Astrid, fratino de unu el niaj plej bonaj kaj konvinkitaj samideanoj, la juna Princo Karlo de Svedujo. La Ligestraro profitis je tiu feliĉa okazintaĵo por ĝin turnigi favore je nia movado.

Mi proponas, ke nia kongreso sendu al la Gedukoj de Brabanto la jenan telegramon en Esperanto:

> **« La Belgaj Esperantistoj kunvenintaj en sia 16a kongreso en Mons respekte salutas sian honorprezidanton kaj Princinon Astrid. »** (1)

Io tre ĝojiga estas, ke pli kaj pli la ekster-esperantista mondo venas al ni kaj nia lingvo por siaj propraj entreprenoj: en Belga Esperantisto, numero de Februaro, mi citis aron de ekzemploj kaj mi aldonas, ke ankaŭ en la oficiala mondo ni progresas: ekz. la ministerio de l'komunikaĵoj de Jugoslavio decidis uzi Esperanton kiel helpan lingvon por la surskriboj kaj avizoj al la vojaĝantoj en la vagonoj de l'internaciaj vagonaroj; diversaj nacioj (Francujo, Bulgarujo, k. c.) konfirmis la decidon de l'Unio telegrafa Universala koncernantan la karakteron de Esperanto kiel lingvo klara; kaj ni ankaŭ ne forgesu la gravan sukceson de la Paska internacia kongreso en Praha por «La paco per la lernejo», en kiu nia lingvo ludis brile la ĉefan rolon flanke de tiu de ununura traduklingvo. Tiu kongreso vere donis la modelon laŭ kiu la internaciaj kongresoj estos pli kaj pli organizotaj! Dum la jaro mi ankaŭ rimarkis, ke la ĉiutagaj ĵurnaloj nin ankau pli kaj pli konsideras serioze kaj enpresas la mallongajn komunikaĵojn de nia belga gazetservo, kiun ni ne sufiĉe povas laŭdi! Tiuj represoj senĉesaj, ekzemple tiu tre grava pri la Praha kongreso jus aludita, devas fari grandegan efikon ĉe la publiko. Ankaŭ alian pruvon pri oficiala intereso konigis al mi nia amiko Witteryck: en sia aludita letero, li sciigas al mi, ke la komunuma konsilantaro de Assebroeck nomis novan straton «Esperantostrato», ke baldaŭ sekvos «Zamenhofstrato» kaj ke la urbo Bruĝo intencas imiti tiun ekzemplon.

Ĉio tio, karaj geamikoj, estas ĝojiga, ĉu ne? kaj ankaŭ la estonteco estas plena je promesoj; ekzemple, por ne forlasi nian landon, mi devas aludi la XIIIan universalan kongreson pri Stenografio en kiu estos Esperanta Sekcio, kiu promesas labori tre serioze kaj efike; mi ne povas sufiĉe instigi ĉiujn Esperantistojn-stenografiistojn kaj eĉ ne-stenografiistojn, partopreni tiun gravan kongreson. Vi sciu cetere, ke la Belgaj Esperantistoj - stenografiistoj starigis societon titolitan «Asocio de la Belgaj Stenografiistoj - Geesperantistoj», kiu aliĝis al la Unio de la Belgoj societoj de Steno - daktilografio, kiu hodiaŭ mem tenas sian duan kongreson en Bruselo.

Proksiman jaron, ni havos en Antverpeno la grandan okazaĵon de 1928a: la XXan Universalan Kongreson de Esperanto!

La nuna jaro, 1927a estas cetere grava jaro por la Esperantismo, ĉar ĝi estas nia jubilea jaro: mi rapide citos unue la belajn festojn okazintajn en Antverpeno la 9an de Januaro lasta, okaze de la 20a datreveno de l'starigo de la tiea agema grupo «La Verda Stelo» kaj de l'egallonga prezidanteco de nia amiko Schoofs; sed ni precipe atentu, ke la nuna jaro estas la 40a jubileo de nia lingvo mem!

Tiun gravan fakton la Esperantistoj el la tuta mondo festos ne nur en la Danziga universala kongreso de l'baldaŭa somera, sed en ĉiuj grupoj kaj kunvenoj, kaj ni profitu je nia XVIa nacia kongreso por ankaŭ dediĉi momenton al tiu bela, ĝojoplena jubileo: karaj geamikoj, malfermante la hodiaŭan kongreson mi petas, ke dum stariĝo vi nunmomente pripensu tiun solenan jaron 1887a en kies julia monato nia granda kaj glora Majstro, nia bedaŭrata kaj neforgesebla D-ro Zamenhof, sendis en la mondon sian unuan lernolibron, tiun fruktodonan ĝermon de nia tuta movado; vi pripensu danksente lian oferplenan, iafoje malgajan, malfacilan vivon ĝoje oferdonitan por la utilo, la bono, la paco de l'homaro; vi pripensu la klopodegojn de niaj unuaj pioniroj kaj vi sankte promesu daŭrigi la bataladon por venki la lastajn barilojn kaj antaŭjuĝojn, kiuj al ni kontraŭmetas tiujn homojn nin ne jam sufiĉe konantaj, kaj tiel ni, niaflanke, estos simplanime sed inde memorintaj nian 40an jubileon!

---

(1) Respondo ricevita:

« Le Duc et la Duchesse de Brabant très sensibles aux sentiments aimables que vous leur avez exprimés me chargent de vous transmettre ainsi qu'à ceux dont vous avez été l'interprête leurs vifs remerciements.

L'Officier d'ordonnance de Son A. R. le prince LEOPOLD. »

S-ro Petiau, kiu presigis sian raporton en la antaŭa numero de nia revuo, povis tuj demandi aprobon de ĝi. Tiun aprobon oni unuanime konsentis same kiel pri la raporto de la kasisto, kiu senkulpigis sin, ĉar li ne povis ĉeesti la kongreson.

Poste oni aŭdis raportojn de S-ro Kempeneers pri la propagando en la universitataj mezoj, kaj de S-ro Schoofs pri U. E. A.

Fine parolis S-ro Privat, tiun ĉi fojon en Esperanto. Li multe interesis sian aŭskultantaron, per siaj elokventaj klarigoj, pri nia movado, ĝiaj sukcesoj, ĝiaj klopodoj kaj ĝiaj celoj.

La parolado de S-ro D-ro Privat estis elokventa laŭ parolmaniero, elokventa ankaŭ laŭ la enhavo, kaj la propagandistoj de la diversaj komunumoj belgaj, kiuj havis la okazon aŭdi tiun propagandan «speech», certe rememoros kun feliĉo kelkajn argumentojn el ĝi, kiam ili staros antaŭ indiferentuloj aŭ kontraŭuloj de nia lingvo.

El la bela parolado ni ĉerpas la opinion, pri kiu konvinkiĝas pli kaj pli la propagandistoj en ĉiuj landoj, ke Esperanto ne venkos per oficialaj dekretoj, sed ke ĝi trabatos al si la vojon kaj atingos la celon per siaj propraj fortoj. Precipe du grandaj elementoj nin helpas: la bezono certa de komuna interkomprenilo kaj la sopiro de la homoj al unueco. Li akcentas la tute neŭtralan karakteron de nia lingvo, kiu respektas ĉies naciecon, ĉies filozofian kredon, kaj kiu alvokas la kunlaboron de ĉiuj homoj de bona volo: oni povas esti bonaj belgoj ,svisoj, britoj, francoj, kaj senti, ke la nacioj estas partoj de la homaro.

La oratoro citis kelkajn kortuŝajn anekdotojn el la vivo de D-ro Zamenhof, kaj mallonge sed trafe skizis la historion de nia movado dum ĝia 40-jara ekzistado.

S-ro Privat, dankinte la gvidantojn de la Belga Ligo Esp., pro ilia bonega laborado, faris altspiritan alvokon por subtenado al nia Universala Esperanto - Asocio.

Ne ŝajnis veni fino al la aplaŭdado, kiu konkludis tiun parolvicon, kaj kiu iĝis vera triumfo por nia lerta kaj simpatia gvidanto.

S-ro Privat, kiu — kiel ni jam diris — venis al Mons el Holandujo, alportis al la Belga Kongreso, la saluton simpatian kaj amikan de la Holanda samideanaro. Tiu deklaro estis aktita kun plezuro de la ĉeestantaro.

S-ro Petiau informis la gekongresanojn, ke la prezidanto de Belga Ligo Esperantista, nia sindonema pioniro S-ro Witteryck, kiun longdaŭra malsano forigis de ni dum la postmilita laborado, definitive rezignis sian funkcion, kaj dankis je tiu okazo la belgajn geamikojn por ilia konfido, kaj la Estraranojn, kiuj direktis la ligon dum lia forestado.

Nome de la Ligestraro, S-ro Petiau sciigis, ke la Liga Komitato konsideris kiel agrablan devon, post la eminentaj kaj multnombraj servoj, kiujn S-ro Witteryck faris kaj malgraŭ sia malsano, ankoraŭ ĉiam fa-

ıas al nia Belga movado, prezenti al li, la titolon de «Prezidanto pro honoro».

Per entuziasma aklamado la gekongresanoj pruvis sian kontentecon pri la propono de la Liga Komitato.

Propono de S-ro Jaumotte, sciigi al S-ro Witteryck per festa telegramo, tiun novaĵon, kiu estos certe kvazaŭ balzamo en la malfeliĉa situacio, kiu forlasigis al li postenon, kiun li dum tiom da jaroj inde plenumis, estis longe aplaŭdita.

Laŭ propono de S-ro L. Cogen, la kongreso akceptas unuanime sendi jenan telegramon al la 2a kongreso de l'Unio de la societoj de stenodaktilografio de Belgujo, en St-Gilles-Bruselo:

**» Belgaj Esperantistoj kongresantaj en Mons kore salutas duan kongreson Unio Societoj stenodaktilografiaj. »**

S-ro L. Bas, el Bruselo, proponis fari same al la Rotaria Kongreso, en Ostendo. La kongreso unuanime akceptis. La estraro sendis sekvantan telegramon:

**« 16a Belga Esperanto - Kongreso salutas simpatie rotarimovadon kaj deziras sukceson al fratiga kaj paciga laboro. »**

S-ro Petiau, ĝenerala sekretario, legis salutleterojn de Germana Esperanto - Asocio, S-ino Elworthy - Posenaer, F-ino Thooris, Grupo «Mara Stelo», S-ro Benoit, S-ro Witteryck.

S-ro L. Cogen, dankas S-ron Privat pro la belega parolado kaj ĉiujn ĉeestantojn pro la multnombra ĉeesto kaj pro la atento kun kiu ili sekvis la ĝeneralan kunvenon, kiun li tiam oficiale fermis.

* * *

## URBESTRARA AKCEPTO.

Inter du partoj de supre priskribita kunveno, okazis en la akcepta salono de la urbdomo, la oficiala akcepto de la kongresanoj.

Ĉirkaŭ la magistrata tablo staris la urbestro, S-ro Maistriau, skabeno Kav. Jean de Patoul, diversaj gekonsilantoj: S-ino Harmignies, S-roj D-ro Boudry, Demarbre kaj Bergeret, kaj la estro de la urbestra kabineto S-ro Splingard.

S-ro Casy, organizanto de la kongreso, prezentis la gekongresanojn al la urbestraro per jena parolado:

Monsieur le Bourgmestre,

Mes amis de la Ligue Espérantiste belge m'ont confié l'agréable mission de vous présenter, aujourd'hui, les membres du 15e Congrès annuel espérantiste qui a choisi Mons pour y tenir ses assises.

Le hasard a voulu que ce soit le dernier venu à la Ligue qui soit chargé de préparer, ici même, ce Congrès et de provoquer le premier contact entre les Autorités communales et ses visiteurs accourus des Pays amis et des diverses provinces belges.

Il m'est agréable de souligner, ici, combien ma tâche a été facilité et rendue aisée par la bienveillance dont a fait preuve l'Edilité communale, et tout particulièremnt son

Bourgmestre qui a accepté, avec une spontanéité qui nous flatte, le titre de membre d'honneur de la Ligue.

Nous avons compris tous, Messieurs, et moi tout le premier, que la situation d'après guerre impose aux Villes qui, comme la nôtre ont beaucoup souffert, le douloureux devoir de refuser à ceux qui sollicitent des subsides pour les Congrès, l'ntervention financière qui les aiderait.

Mais à défaut d'argent, vous nous avez accordé d'autres facilités précieuses, la large hospitalité de vos locaux ; et vous nous accueillez, en ce moment, avec cette cordialité et cette simplicité, dons vos hôtes d'un moment garderont le souvenir charmé.

Nous avons été comblés.

A défaut de subside, un de nos concitoyens — et non des moindres, en une boutade où nous n'avons pas vu malice, a proposé de réserver aux espérantistes... des cabanons.

Par ces temps de crise de logement, l'offre n'était pas si banale.

Nous sommes même convaincus que l'auteur de la proposition n'eut pas manqué d'y faire remplacer, à l'intention des occupants éphémères, le broc d'eau par une vénérable et poussiéreuse bouteille de ces vins généreux dont il n'est pas ménager quand il s'agit de ses amis.

Or, parmi les espérantistes montois et des environs, il en compte quelques uns : anciens directeurs d'Institut de commerce, professeurs, journalistes et autres.

Tout est donc pour le mieux, et je suis persuadé que les étrangers qui nous entourent, et dont la plupart ne connaissaient Mons que de nom, à cause de ses écoles supérieures et de ses deux batailles historiques de 1914 et 1918, après avoir visité notre Maison de Ville, Sainte Waudru, nos Musées, après avoir entendu notre carillon si complet, le plus complet même de Belgique, et l'un des meilleurs, jouer l'Espero de toute l'allégresse de ses quarante sept cloches d'airain, éprouveront le désir de revenir encore, chez nous, un jour prochain, pour saluer la formation d'une section montoise, nombreuse et prospère.

* * *

Nome de la urba konsilantaro, respondis la urbestro, S-ro Maistriau, kiu rakontis al ni la ekintereson, kiun li havis per la rimarkinda parolado de S-ro Privat. Post kiam li estis dirinta la grandan ĝojon, kiun liaj kolegoj gekonsilantoj kaj li havas,akceptante en la urbdomo de Mons, la anojn de movado idealista kaj tamen ankaŭ samtempe utila eĉ nunmomente, li faris veran principdeklaron favore al la ideo de internacia lingvo.

Kiel ĉefa magistrato de la urbo, li ne ŝatis — ne pristudinte la demandon — diri pli pri la temo, sed li diversfoje en sia bele dirita paroladeto montris sian favoron al nia afero.

Li esperis, ke baldaŭ li havos novan okazon interkonatiĝi kun la esperantistoj je alia kongreso, kaj vere ĝentile petis ĉiujn trinki kun li la honorvinon prezentitan de la urba administracio.

Oni poste ankoraŭ aŭdis S-ron Cogen, kiu parolis nome de Belga Ligo Esperantista kaj legis jenan elokventan dankesprimon al la urbestraro :

Monsieur le Bourgmestre,

Les membres du XVIme Congrès des Espérantistes belges vous expriment, par mon intermédiaire, leurs sentiments de joyeuse gratitude pour la réception si cordiale que vous daignez leur réserver dans votre antique et bel hotel de ville. En suivant ainsi, à votre tour, la tradition qui s'est établie dès le premier de nos congrès nationaux, qui eut lieu à Verviers en juin 1909, votre administration communale éclairée prouve que les problèmes sociaux de toute nature, et notamment ceux qui tendent à rapprocher les hommes en facilitant les moyens de communication matériels, moraux ou intellectuels, l'intéressent.

Comment pourrait-il en être autrement ? La ville de Mons n'est-elle pas, en réalité, un centre universitaire ? Si, à la vérité, elle ne possède aucun établissement comprenant les quatre facultés consacrées et obligatoires pour constituer une université proprement dite, ne compte-elle pas divers établissements, parmi lesquels je citerai vos

Instituts commerciaux, votre école industrielle supérieure et votre glorieuse Faculté polytechnique ou Ecole des mines, qui sont au fond des universités d'ordre technique délivrant des catégories de diplômes équivalant à ceux qui se dispensent à Bruxelles, à Louvain, à Gand et à Liége?

Votre cité ne brille-t-elle pas non plus dans le domaine artistique? N'a-t-elle pas son conservatoire de musique et son académie des Beaux-Arts, ne compte-elle pas, tant dans son enceinte que dans son voisinage immédiat, de nombreuses sociétés de musique et des orphéons dont la célébrité a dépassé nos frontières; ne possède-t-elle pas ses associations intellectuelles parmi lesquelles il faut citer son cercle archéologique; ses musées et ses monuments, enfin, n'offrent-ils pas aux regards du visiteur, des trésors d'art et d'archéologie?

C'est donc bien un milieu raffiné et hautement intellectuel que celui de Mons, et si les édiles, les artistes et les savants montois honorent comme il convient les productions des siècles révolus, ils savent aussi — et vous le prouvez, Mr le Bourgmestre, en ce jour — jeter leur regard sur l'avenir: la langue internationale auxiliaire est, en effet, une de ces questions dont l'utilité, déjà indiscutable de nos jours, se projette au loin des siècles futurs pour le plus grand profit des relations de toute nature entre les peuples du monde civilisé tout entier.

Et en effet, les peuples du monde vivent actuellement et vivent de plus en plus une vie double: en premier lieu leur ancienne existence nationale, régentée par leurs coutumes, leurs lois et leurs institutions locales; en second lieu, une vie internationale, qui s'est manifestée petit à petit durant les derniers siècles et qui a pris soudainement un développement colossal, grâce aux inventions réalisées au cours du XIXe et du XXe siècle, dans le domaine de la vapeur et de l'électricité. Nous pouvons dire qu'à l'heure présente les distances ont été supprimées par les chemins de fer, les transatlantiques, les automobiles, les avions, le télégraphe, le téléphone, ainsi que par l'ultime et admirable perfectionnement de ces deux derniers que constitue la T. S. F. triomphante!

Mais si toutes ces merveilles ont rapproché la matière, la diversité des langues continue à séparer les esprits et cette situation va s'aggravant sous nos yeux puisque des langues sans importance autrefois et dont le nom même était inconnu aux masses, sont devenues les véhicules de la pensée et de la conduite des affaires tant publiques que privées chez les nouveaux peuples qui ont conquis leur émancipation à l'issue de la guerre mondiale; parmi ces langues, qui tendent à devenir à leur tour des langues de culture, citons le letton, l'estonien, l'ukrainien ou ruthène, le tchéco-slovaque, etc. etc., et même l'antique hébreu qui cherche à s'adapter aux besoins de la vie moderne!

Grâce aux inventions susdites les peuples se ruent littéralement les uns sur les autres dans la lutte quotidienne pour l'existence et la T. S. F. installe l'inconvénient de la diversité du langage dans nos demeures mêmes! Cette vie internationale si intense doit s'organiser chaque jour davantage dans le sens d'une unification et d'une simplification dans les domaines les plus variés.

Si, dans cet ordre d'idées bien des choses ont déjà été prestées, il en reste bien d'autres encore à réaliser; s'il existe de par le monde de grandes associations et institutions internationales, telles p. e. l'Union postale Universelle, l'Union télégraphique Universelle, l'Institut de droit international, la Croix Rouge, et des centaines d'autres associations, avec au-dessus d'elles celle appelée à les diriger toutes, la Société des Nations, vrai parlement international, — il est bien des questions qui attendent encore leur solution; parmi celles-ci on peut citer la création du calendrier universel et de la monnaie internationale, la fixation du méridien international, celle de l'heure universelle, l'achèvement de l'œuvre colossale du droit international, qui vraiment, de nos jours, est à peine sortie de son état embryonnaire, etc. etc., toutes choses qui sont autant de jalons à poser pour l'organisation de cette internationale des peuples.

Parmi ces questions une des principales est celle du langage; car enfin les hommes, pour le moindre rapport qui s'établit entre eux, ont besoin de se comprendre et si, à l'intérieur des limites d'un même pays ou d'une même région, ils se comprennent par l'usage de leur langue nationale, il n'en va plus de même dans les relations de peuple à peuple, car il n'est pas raisonnable d'exiger que chacun de nous connaisse, outre sa langue maternelle, toutes les langues du monde, voire seulement les principales d'entre elles!

Il faut donc trouver une solution à cette multiplicité du langage dans les relations internationales et c'est là une question très délicate, car l'expérience, bien des fois renouvelée, nous prouve qu'il ne faut pas essayer d'imposer, comme langue internationale auxiliaire, l'idiôme d'un peuple déterminé: la jalousie des autres peuples s'y oppose régulièrement! Il ne faut pas davantage songer, comme on l'a parfois proposé, de réintroduire l'usage d'une langue ancienne, car, outre qu'une telle langue, le latin p. e., est l'expression d'une civilisation périmée, différente de la nôtre, et incapable d'exprimer nos idées modernes, même les plus courantes, une telle langue est beaucoup trop difficile pour devenir la langue seconde d'un chacun. Il ne reste donc qu'une seule solution et elle se trouve enclose à l'état latent dans l'ensemble des langues du monde civilisé: il faut extraire de celles-ci, d'après le principe de la plus grande internationalité des éléments linguistiques, la langue dont nous avons besoin, en réduisant son mécanisme grammatical à sa plus simple expression.

C'est la solution qu'ont préconisée les plus grands esprits des temps modernes par-

mi lesquels nous citerons le grand Descartes, et les non moins grands génies que furent un Francis Bacon, un Blaise Pascal, un Leibniz, un Newton, un Grimm, jusqu'à un Charles Nodier et un Renouvier, en passant par les Encyclopédistes ; c'est dans ce sens que le plus heureux et le plus génial des réalisateurs en cette matière, le Dr russo-polonais Louis Lazare Zamenhof, a édifié la langue dite Espéranto dont les succès sont allés croissant pendant les quarante années qui se sont écoulées depuis le moment où ce savant lança sa première brochure, et ces succès, Messieurs, s'accroissent depuis l'armistice, avec une prodigieuse rapidité grâce à la reconnaissance officielle dont a bénéficié notre langue dans les conférences internationales d'ordre pédagogique, technique et commercial qui furent tenues depuis 1922, respectivement à Genève, à Venise, à Paris, et pendant les journées de Pâques de la présente année même, à Prague ; je veux parler du Congrès international de la paix par l'école, congrès placé sous la protection du président Masaryck ; — Conférences et Congrès au cours desquels l'Espéranto a triomphalement prouvé sa maîtrise dorénavant indiscutable quant à l'expression de toutes les idées et des nuances d'idées les plus délicates dans les domaines les plus variés de la pensée humaine.

C'est cette conviction qui avait déjà guidé les membres de la Société des Nations, lorsqu'en séance plénière du 20 septembre 1924, ils votèrent à l'unanimité, le vœu de voir l'Espéranto admis à côté du latin et des principales langues nationales, comme «langue claire» pour les relations télégraphiques et radio-télégraphiques internationales ; et c'est cette même conviction qui a animé les membres de la conférence internationale de l'Union télégraphique universelle qui eut lieu à Paris en septembre - octobre 1925, lorsqu'ils donnèrent à ce vœu une réalisation pratique et définitive en consacrant, dans un texte légal, effectivement l'Espéranto comme «langue claire» internationale.

Quoi d'étonnant dès lors, Messieurs, que les progrès de l'Espéranto, dans tous ces domaines, aient entrainé la nécessité d'enseigner cette langue dans les écoles du monde entier ? C'est, en effet, dans cette direction que nous constatons depuis quelques années, des progrès considérables qui se multiplient chaque jour davantage, même par la voie aérienne et mystérieuse de la T. S. F., et ces progrès justifient d'une part la satisfaction grandissante des apôtres de l'idée de la langue auxiliaire, et d'autre part, l'intérêt croissant des pouvoirs publics à l'égard de ce problème.

Mons est une ville où, jusqu'à présent, l'Espéranto ne comptait que quelques timides partisans isolés, autant vaut dire que le terrain, du point de vue Espérantiste, y était encore vierge et inculte ; c'était là précisément un motif pour la Ligue Espérantiste belge de décider d'y organiser son congrès annuel, afin d'y travailler, et d'y ensemencer cette terre qui, souhaitons-le, produira bientôt une récolte féconde, et puisque nous avons la joie et le réconfort de trouver parmi nos protecteurs les autorités communales de l'antique et glorieuse cité hennuyère, et, qui plus est, que son bourgmestre en personne, a consenti à se laisser inscrire parmi les membres du Comité d'honneur de notre Ligue, nous sommes convaincus que le présent congrès comptera parmi les plus utiles et les plus intéressants de tous ceux que nous organisâmes naguère en Belgique.

Au nom des Congressistes, Messieurs, je vous réitère nos chaleureux remercîments pour l'accueil dont nous sommes l'objet de votre part.

Vivent Mons et ses sympathiques édiles !

* * *

Forlasante la urbodoman akceptsalonon, la kongresanoj aŭskultis la sonorilaron de Mons, kiu per sia kristala voĉo faligis sur la tutan urbon la naciajn kantojn de ĉiuj partoprenantoj kaj nian komunan universalan kanton «La Espero».

* * *

## LA FESTENO.

La suno vere protektis nian kongreson, kaj estis tra gaje aspektantaj stratoj, ke nia grupo promenis ĝis la «Vaux-Hall», kie ni estis fotografitaj en la bela parko.

Poste estis tempo por festeni. La stomakoj, kiel ĉiam, dum kongreso, kriis jam delonge sian malesperon, kiam la tempo por manĝi alvenis, kaj ĉiuj urĝe supreniris por kunsidi en agrabla kaj gajaspekta salono.

Se oni, ĝenerale, pri festeno, rajtas diri ke la gastoj plezure alrigar-

das la alvenon de la diversaj pladoj, tio estis tiun ĉi fojon kun duobla plezuro; la malsato estis same grande kiel la ailaj jaroj, kaj aliflanke malofte festeno estis tiom bone prizorgita. Honoro al la gekuiristoj de Mons.

Jen la manĝokarto: Supo — Salmaĵo kun saŭco «Vincent» — Bova lumbaĵo kun printempaj legomoj — duona kokida kun salato — deserto — 1/4 botelo da blanka- kaj 1/4 botelo da ruĝa vino.

Kiel oni povas imagi al si, tio formis sufiĉan fundon, por amasigi sur ĝi la aron de toastoj, kiuj ĉiam estas la neevitebla sekvo de tiaj kunestadoj, kie liberiĝas la langoj.

S-ro Cogen, komencis per jenaj toastoj.

Geamikoj,

Hodiaŭ matene mi parolis al vi pri nia Liga Honorprezidanto kaj pri lia aminda kaj amata edzino, la vere legenda, el nordo veninta Princino Astrid.

Nun mi petas vian mallongan atenton por diri kelkajn agrablajn vortojn pri nia belga Ŝtatestro, Reĝo Albert kaj pri la Reĝa Familio.

Ni scias, ke niaj Gereĝoj estas ĉiam kun siaj regatoj en ĉiuj cirkonstancoj ĝojaj kai malĝojaj de la nacia vivo; ke neniu manifestacio ĉu en la kampo de la socio, ĉu en tiu de l'arto, de la literaturo aŭ de la scienco lasas ilin indiferentaj. Ili ambicias nur esti la unuaj, bonekzemplodonaj civitanoj de la lando.

Ankaŭ la demando pri la lingvo internacia ne estas io nekonata por ili, kaj nia Reĝo akceptis jam honori je sia alta protekto diversajn el niaj naciaj manifestacioj Esperantaj. Jen estas io neforgesinda al kio la geedziĝo de la Gedukoj de Brabanto donas ankoraŭ pli da signifo pro la fakto, ke la juna Princino estas la fratino de nia bonega kaj simpatia samideano, Lia Princa Moŝto Karlo, duko de Orienta Gotlando.

Tial mi proponas al vi, geamikoj, levi viajn glasojn kaj trinki je la sano kaj je la honoro de nia Reĝo, de nia Reĝino kaj de la Reĝa Familio.

Ni sendos, kiel kutime la jenan telegramon al nia Ŝtatestro, en nacia lingvo, komprenebe:

« Al Lia Reĝa Moŝto Albert,

» Via Reĝa Moŝto, La Belgaj Esperantistoj kunvenintaj kun kelkaj diverslandaj amikoj en sia XVIa nacia kongreso en Mons, aplaŭdis toaston elparolitan je via honoro, je tiu de la Reĝino kaj de la Reĝa familio.

La Kongresa Prezisanto, L. Cogen. » (1)

* * *

Poste S-ro Cogen elparolis sekvantan francan paroladeton:

Chers Amis,

Ainsi que dans un grand nombre de nos précédents festins, de même aujourd'hui nous avons l'honneur d'avoir parmi nos convives un représentant officiel de la ville de Mons, et cet honneur très grand se double pour nous d'un sentiment de joie pure et affectueuse, car si d'autres autorités locales ont consenti naguère, à l'issue de nos congrès, à céder à nos sollicitations pour se faire membre du comité d'honneur de notre Ligue — ce pourquoi nous leur sommes d'ailleurs fort reconnaissants — M. Maistriau, le sympathique bourgmestre de Mons, est allé au devant de notre désir et s'est fait inscrire spontanément et anticipativement comme membre d'honneur de la Ligue Espérantiste belge. C'est là, de votre part, Monsieur le Bourgmestre, un geste charmant dont tous les Espérantistes apprécieront non seulement l'affabilité mais aussi l'importance, au point de vue de l'idéal dont ils poursuivent la réalisation.

Autrefois, notre mouvement était moins connu et par conséquent mal compris. On

---

(1) Respondo ricevita:

« Le Roi très sensible au contenu du télégramme que vous lui avez adressé en y associant la Reine et la famille Royale à l'occasion de votre XVIe congrès national m'a chargé de vous transmettre, ainsi qu'à tous ceux dont vous vous êtes faits l'interprête, ses cordiaux remerciements.

Chef cabinet Roi. »

se méfiait un peu des Espérantistes qu'on prenait pour de doux et... peu dangereux utopistes.

Aujourd'hui, l'Espéranto est entré de plain-pied, dans sa période de réalisation pratique officielle et l'on nous estime enfin à notre vraie valeur. On nous considère comme de bons ouvriers peinant à une tâche intéressante et utile à l'ensemble des humains, tâche consistant à donner au monde un excellent outil d'intercompréhension, donc de paix universelle, dont il a un besoin de plus en plus urgent. Et les représentants des corps officiels viennent spontanément fraterniser avec nous dans des agapes qui sont, par leur essence même, celles de la vraie fraternité! Au nom des Congressistes, je vous remercie cordialement, Monsieur le bourgmestre, de ce geste spontané, et je propose aux Amis de vider leur verre en l'honneur et à la santé de notre cher Samideano, M. le Bourgmestre Maistriau.

* * *

Poste sin levis D-ro P. Kempeneers por bonvenigi ĉiujn alilandajn samideanojn ĉeestantajn. S-ro D-ro Privat unue respondis. Post kelkaj dankvortoj al la urbestro de Mons, li esprimis sian ĝojon sin trovi inter la Belgaj esperantistoj. Memorante la matenan viziton al la monumento de la militmortintoj de Mons, li diris, ke, klinante la kapon antaŭ ĝi, li pensis al la tago, kiam okazis la unua kunveno de la Ligo de Nacioj, kies starigo antaŭvidigas mondon pli indan, mondon pli bonan. Li altsente alvokas ĉiujn samideanojn fari sian devon, kiel faris la karmemoraj mortintoj.

Respondis ankoraŭ S-ro Boutwood (anglo) kaj S-ro Deligny (franco).

Toastis al la Sinjorinoj S-ro H. Petiau respondis F-ino Jennen.

Tiam subskribinto dankis la gazetistojn, kiuj ĉiam estis pretaj akcepti la malgrandajn komunikojn de la Ligo. Sekvis dankesprimo de S-ro Gillain, je sia propra nomo kaj je tiu de siaj ĉeestantaj kolegoj S-roj Dujardin kaj Fiévez.

Fine, parolis S-ro Maistriau, urbestro. Li petis reporti sur la konsilantaron de Mons la danksentojn esprimitajn de la kongresanoj dum tiuj du tagoj. Li alte taksas ĉiun penadon, kiu alproksimigas nin al la paco, kiun ni ĉiuj tiom sopiras. Li memorigis, ke ĉiam ekzistis mallarĝaj, malgrandanimaj spiritoj, kiuj mokis la laboron de bonvolemuloj. La Esperantistoj pro tio ne ĉesu sian entreprenon. Ĉiu klopodo, kia ajn al la fratigo de la popoloj meritas la admiron de la homoj.

Longa aplaŭdo salutis la bone sentitajn parolojn de la urbestro.

En la plej bona atmosfero, tiam finis unu el la plej agrablaj partoj de la kongreso, tiu parto, dum kiu manĝante piron aŭ fromaĝon oni havas la okazon gaje babiladi kun siaj ĉetablaj najbarinoj.

* * *

**TRA LA URBO.**

Ĉar la posttagmezo, ankoraŭ nur estis duone for, restis al ni sufiĉan tempon por fari, sub la lerta gvidado de S-ro Casy, ekskurson tra la urbo, kaj viziton al ĉiuj rimarkindajoj de Mons.

Tiel ni vizitis unu post alia la grandan kaj la malgrandan muzeojn,

kaj la ĉefpreĝejon, kiun ni detale vizitis kaj parton de kies trezoro oni montris al ni.

Kaj jam estis tempo reiri al «Vaux-Hall», kie okazis vespere la koncert- kaj dancfesto, kiu inde konkludis la unuan tagon de nia XVIe kongreso.

* * *

LA VESPERFESTO.

Dank'al la klopodoj de S-ro Cogen estis kunmetita bela programo al kiu promesis sian kunhelpon gesamideanoj el la diversaj urboj de Belgujo, kiel ni povas vidi per la ĉi malsupraj klarigoj.

La programo aspektis jene:

1. — UVERTURO DE EGMONT — Beethoven
kvarmane ludota de
S-ino Lucette Faes - Janssens (Antverpeno)
kaj S-ro L. Cogen (Ninovo).

2. — ELFREĜO (deklamaĵo) — Schubert.
F-ino Maria Jacobs (Antverpeno).
S-ino L. Faes - Janssens.

3. — a) ARIO EL SAMSON KAJ DALILA — Saint-Saëns.
b) LA TRUTO — Schubert.
F-ino Alice Boereboom (Bruĝo).

4. — a) LA VAGANTOJ — Em. Verhaeren.
b) DOLĈA NOKTO — Edmond Privat.
deklamaĵoj, de S-ino F. V. N. (Ninovo).

5. — a) ANDANTO — W. Mozart.
b) SERENADO AL LISETTE — Aludi.
violonaĵoj, de S-ro Platteeuw (Bruĝo).

6. — a) LULKANTO — S-ino J. Cogen-Van Rysselberghe.
b) MAJA KANTO — J. Benoit.
F-ino A. Boereboom.

7. — a) PRI LA MUSETOJ — E. Hiel.
b) LA ĜOJOJ DE EKSKURSO — R. Schwartz.
deklamaĵoj, de S-ino F. V. N.

8. — a) Ario de ZULIKA el LA FIANĈINO DE ABIDOSO — Lebrun.
b) LULKANTO — Mozart.
F-ino M. Jacobs.

9. — BEKASINO KAJ PLANĈETO, sceneto — ***
F-inoj Algrain kaj Coucke (Bruĝo).

Geakompanantoj: S-inoj L. Faes - Janssens kaj J. Cogen - Van Rysselberghe. S-ro L. Cogen.

Pro la komenco, antaŭ la koncertejo, de publika balo, la daŭrigado de la koncerto estis tamen malfeliĉe malebligita kaj diversaj numeroj ne povis esti plenumitaj.

Ĉiuj gekunlaborantoj trovis tamen en danka aplaŭdo, ioman rekompencon por sia laborado.

* * *

LA LUNDA TAGO.

La lundan tagon, ĉiuj kongresanoj foriris el Mons, por viziti la belan parkon de Beloeil.

Ni ne pli parolos pri tiu ekskurso. La parko estas fame konata, kaj ni nur povus rediri tion, kio jam estis dirita.

Ĉiuj tamen dum tiu ekskurso sin bone amuzis, kaj la foriro posttagmeze de la diversaj grupoj, kiuj per malsimilaj vagonaroj reheimmiĝis, estis la okazo por entuziasmaj adiaŭadoj.

* * *

KOMITATA KUNSIDO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA.

Konsiderante la eksiĝon de S-ro Witteryck kiel Liga prezidanto, la Ligestraro estis kunvokinta la Ligan komitaton por elekti anstataŭanton, kaj ankaŭ por reelekti la aliajn estraranojn, el kiuj, ankaŭ S-ro Champy, nia sindonema dua vic-prezidanto ne petis sian reelekton.

Kun unuanimaj voĉoj la sekvanta ligestraro estis elektata:

Prezidanto: S-ro Frans Schoofs.

Vic-prezidantoj: S-ro Cogen kaj S-ro Kempeneers;

Sekretario: S-ro Petiau.

Kasisto: S-ro Mathieux.

Ĉiuj samideanoj belgaj ĝojos pri la reelektado de ĉiuj estraranoj,kiuj akceptis ĝin, kaj la elektado kiel novaj elementoj en la Ligestraro de S-ro Schoofs, honora prezidanto de la Antverpena grupo «La Verda Stelo» kaj de S-ro Kempeneers, la ankoraŭ nova sed tiom vigla prezidanto de la Brusela grupo.

Ĉiuj ricevu tie ĉi niajn plej korajn gratulojn.

Maur. Sehède.



# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## LA 15an DE MAJO 1927.

## KUNVENO DE LA KOMITATO

La 15an de Majo okazis en Bruselo, kunveno de la Komitato de la Belga Ligo.

Ĉeestis tiun ĉi kunvenon: la komitatanoj S-roj Champy, Schoofs kaj Babilon kaj la delegitoj: S-roj Jaumotte kaj Faes (Antverpeno: Verda Stelo); Kempeneers kaj Mathieux (Bruselo); Petiau kaj Van de Velde (Gento: Genta Grupo); Cogen (Gento: Progreso); De Boes (Sint-Niklaas); S-ino Algrain (Bruĝo); Leflot (Liero) kaj Baesens ,Mehleno).

Sekvantaj aferoj estis priparolataj:

1. **Akceptoj novaj grupoj:** La nova grupo de Tirlemont - Thienen estas sen kontraŭstaro akceptata kiel liga grupo, kaj S-ro Rodeyns delegito, estas invitata kunsidi.

La aliĝo de la Medecina Grupo estas prokrastita, ĉar oni restudos la aferon de la fakaj grupoj. Tiu de la junulara grupo de Bruselo nur estos priparolata post interrilato de la Brusela grupo kun la estraro de la junularo.

2. **Ekzamenoj:** S-ro Jaumotte petas, ke oni anoncu regule ekzamenan periodon, aŭ ke oni sciigu pere de la ĵurnaloj, ke izolaj esperantistoj povas ĉiam sin enskribigi por eventualaj ekzamenoj, ĉe la sekretario, en Gento.

3. **Radio - kursoj:** Post klarigoj de S-ro Kempeneers, oni interkonsentas pri la starigo de novaj kursoj franca- kaj flandralingvaj dum la vintra sezono.

4. **Reekto de la estraro:** Ĝi okazos en speciala kunsido de la komitato dum la kongreso de Mons.

Krom tiuj punktoj, la komitato ankoraŭ pridiskutis la kasan aferon, pri kiu raportis Sro Mathieux; la propagandan laboron, pri kiu atentigis delegito el Antverpeno, kiu petis, ke oni ĉie klopodu vendigi la ruĝan broŝuron en la vendejoj; la kongreson en Mons, pri kiu S-ro Petiau detale parolis, kaj fine la interŝanĝon de fotografajoj, inter kongresanoj.

La Ĝenerala Sekretario,

Henri PETIAU.

# BELGA KRONIKO

**La grupoj estas ĝentile petataj sendi regule, plej malfrue antaŭ la 25an de ĉiu monato, ekskluzive al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo, sian kronikon kaj ĝin verki eble plej koncize.**

---

ANTVERPEN. —

Jaŭdon la 2an de Junio: «La Verda Stelo», kiu invitis S-ron E. Privat, havis la honoron akcepti lin kaj lian ĉarman edzinon. La estimata Prezidanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto - Movado, faris belegan paroladon; li montris al ni la grandegan progresadon de nia movado. Nur nia lingvo, tute neŭtrala povas pacigi la rilatojn inter la diversaj popoloj, kiujn malfacilajoj nun dividas. Speciale la Orientaferoj multe pliboniĝos per la uzado de Esperanto por la internaciaj diplomatiaj rilatoj. Ĉiuj ĉeestantoj multe interesiĝis kaj laŭde aplaŭdis S-ron Privat. Koncerto kaj dancado agrabligis la feston.

Sabaton la 11an: Multnombraj ĉeestantoj kunvenis la Ĝeneralan monatan kunvenon.

La Prezidanto informis la membrojn pri la Kongreso. La elekto de la Honora Prezidanto S-ro Fr. Schoofs, kiel Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, estis tutkore aplaŭdita.

Sabaton 18an: «Reynaert De Vos» estis tre sprite pritraktata de nia sindona Profesoro H. Vermuyten.

Dimanĉon la 19a: La malvarma vetero ne kapablis haltigi la membrojn de «La Verda Stelo» fari la projektitan ekskurson. Ili tamen iris al Mariaburg, kie la suno brilis, la pluvo falis, la suno rebrilis dum la ekskursantoj sin ĉiam ege amuzis. Feliĉe ili trovis la «Hôtel de la Chapelle» tenatan de nia samideanino kaj membrino, S-ino Van Haver - De Boes, kiu zorgis por bona tagmanĝo.

Sabaton la 25an : «La Verda - Stelanoj» organizis esplorvojaĝon ĉirkaŭ la Antverpena foiro...!

OFICIALAJ KURSOJ DE ESPERANTO. — EKZAMENOJ. — Post dujara studado en la vesperkursoj organizitaj de la urbo Antverpeno atingis sian diplomon la sekvantaj personoj: F-inoj J. Jacobs, Fl. Kin, A. Van Es, E. Van Ganse, E. Wouters, S-roj H. Claus, J. Foquet, G. Janssens, F. Libot, T. Mortiers, H. Roelants, F. Simons, H. Stalmans kaj A. Van Praag.

Je la okazo de la disdono de la diplomoj al la laŭreatoj, la Antv. Poresperanto Propaganda Komitato organizis festvesperon la 16an de Julio. Post koncerta parto en kiu partoprenis F-ino Heyens, pianistino, S-ino Belloy - Van Troyen, kantistino, S-ro A. Van de Velde, deklamanto, kaj S-ro Calis, kantisto, okazis la diplomdisdono,kiun prezidis S-ro

Verschueren, ĉefinspektoro de la urbaj lernejoj. Ĉi tiu laŭdis nian lingvon, kiu ne plu estas utopio sed la nura rimedo por alproksimigi la popolojn. Ĝenerala aplaŭdo sekvis lian promeson, ke, antaŭ ol forlasi sian funkcion, Esperanto estos enkondukita oficiale en la lernejojn. Li ankaŭ deklaris, ke li mem sin enskribigos kiel lernanto en la proksima vesperkurso de Esperanto.

Poste parolis S-ro Holger Hansen, dana instruisto trapasanta Antverpenon, kaj la prezidanto de la organiza societo, kiuj unu fojon pli pruvis la grandan utilon de Esperanto.

Le ĉefa parto de la festo estis la prezento en Esperanto de «Bietje», la ĉiam freŝa teatraĵo unuakta de M. Sabbe, ludita de F-ino Marg. Bertrijn kun S-roj De Waegenaere (Johano - Baptiste) kaj A. Van de Velde (Monne). La tri bonegaj artistoj estis rekompencataj per tondra aplaŭdo. Energia kantita «Espero» finigis tiun bone sukcesintan vesperon.

(Laŭ la gazetoj.)

BRUĜO. — La grupo montras daŭran agemon. Ĉirkaŭ 25 geanoj ĉeestis nian nacian kongreson en Mons. La 28an de junio ĝi organizis specialan kunvenon je la honoro de S-ro Stromboli, ano de la «Internacia Centra Komitato», kiu faris tre interesan paroladon pri Italujo, kun lumbildoj.

BRUSELO. — La movado en la ĉefurbo bone prosperas; la grupo jam kalkulas nun pli ol 40 membro - abonantojn kaj estas tre agema. La 3an de junio ĝi aranĝis specialan kunvenon je la honoro de l'prezidanto de Internacia Centra Komitato, D-ro Privat, kiu faris, kiel kutime, tre elokventan kaj interesan paroladon propagandan. La parolado okazis en «Palais Mondial» antaŭ nombra publiko.

Diversaj agrablaj ekskursoj okazis en la Brusela ĉirkaŭaĵo, interaliaj al Gasbeek, kie oni vizitis la tre interesan kastelon ĵus iĝintan muzeo. Krom tre amuzigaj, tiuj ekskursoj estas ankaŭ tre utilaj por la interparolado en Esperanto; ni varme rekomendas ilin al ĉiuj grupoj.

La 4an de Julio F-ino Jennen faris interesan paroladon kun lumbildoj pri Ĉekoslovakujo.

Mardon, 19an de Julio, okazis ekskurso al Willebroeck, kie renkontiĝis Samideanoj el Antverpeno kaj Mehleno.

BRUSELO. — En la tramista sindikato S-ro M. Van Aelst instruas Esperanton al 60 tramistoj (2 kursoj).

BRAINE L'ALLEUD. — S-ro Bas, nia sindonema propagandisto el Bruselo, malfermis kurson por 21 malnovaj lernantoj de la Industria Lernejo de Braine-l'Alleud kie, espereble, ni baldaŭ kalkulos novan grupon.

GENTO. — «Genta Grupo» kunvenas ĉiumerkrede kaj organizas specialan interparoladon por prepari la membrojn por la universala kongreso okazonta en Antverpeno proksiman jaron.

SANKTA NIKOLAO. — La loka grupo «Al Triumfo» akiris kelkajn bonajn elementojn dank'al S-ro De Boes, kiu ĵus finis sian kurson.

Por la biblioteko kaj helpi la tiean klopodadon ĉe la fabrikestroj, la grupo petas alsendon de broŝuroj, flugfolioj, kaj propagandiloj ĉiuspecaj. Adreso: Kafejo «Rome», Kardinaal Mercier plaats, St. Nikolao.

Por korespondadi kun eksterlandaj fakgrupoj, la loka Radio - klubo «Waesland», depost kelkaj semajnoj uzas Esperanton!

La grupo organizis ekskurson al Terdonck apud Gento. Okaze de la boatkurado kiu okazas ĉiujare je la Cielira festo. Alia ekskurso al la lago de Overmeire estas en preparo. La enskribojn oni povas jam sendi al la grupa Sekretario.

La grupanoj kunvenas ĉiumerkrede kaj lernas esperantajn kantojn. Nova kurso baldaŭ malfermiĝos.

TIRLEMONT. — La nova grupo ageme propagandas kaj sukcesis interesi al nia afero la direktorojn de la diversaj lernejoj kaj du Skabenojn; ĉiuj fariĝis honoraj membroj de la grupo.

ESPERANTO - JUNULARO. — S-ro Van der Lyn, Bruxelles, 74, rue de Hollande, estas nova delegito por Belgujo. La gazeto estas mendebla ĉe li.

---

# EL NIA RONDO

---

## GRATULOJ.

Geedziĝis la 11an de Junio F-ino CAROLINE DE BUYSER, profesorino de Esperanto kaj komitatanino de «La Verda Stelo» kun S-ro J. NUYTS, membro de la sama grupo.

Fianĉiĝis la 5an de Junio S-ro MORRIS DE KETELAERE, profesoro de Esperanto kaj vicprezidanto de la direktanta komitato de «La Verda Stelo», kun F-ino MARIA WOUTERS.

S-ro FRANS VERBUECKEN, Del. de U. E. A. en Herenthals, edziĝis la 16an de Julio kun F-ino JULIA GOOR.

S-ro MATHIEU THIELEN, membro de la grupo «Al Triumfo» el Sta-Nikolao ,edziĝis la 7an de Majo kun F-ino ROZA VERHEYEN.

Al Gesinjoroj SCHELFHAUT - VAN BRANDE, el Sta-Nikolao, naskiĝis filineto JOSEE, la 10an de Majo.

S-ro MAURICE BOEREN, prefesoro de Esperanto, komitatano de «Verda Stelo» kaj Vic-delegito de U. E. A. en Antverpeno (Berchem), edziĝis la 20an de Juilo kun F-ino MARGUERITE LAMBORAY.

S-ro ALGRAIN, artileria leŭtenanto, filo de S-ino Algrain, la agema Vic-prezidantino de la Bruĝa Grupo, edziĝis kun F-ino LAURENT, el Bruselo.

Al ĉiuj ĉi supraj gesamideanoj, «Belga Ligo Esperantista» kaj «Belga Esperantisto» prezentas siajn plej korajn gratulojn.

## BELGA GAZETARA STATISTIKO

Korekto de niaj ciferoj pri Aprilo (vidu B. E. paĝo 82): Ni ricevis 47 notojn pri Esperanto el 11 gazetoj de 6 lokoj: 34 en flandra kaj 6 en franca lingvo.

En Majo: 37 notoj el 22 gazetoj el 6 lokoj; 23 en flandra kaj 14 en franca lingvo. Granda artikolo en la revuo «De Belgische Vakbeweging» (La Belga Profesia Fakmovado) organo de la Sindikata komisiono. La flandra Radio-organo «De Gids» (Sta Nikolao) ĉiumonate enhavas detalojn pri elsendstacioj kaj interesajn notojn. Tiuj artikoloj ĉiam alvenas Esperantlingve kaj estas tradukitaj. «De Gids» ankaŭ varme klopodas por Esperanto.

En Junio: 40 notoj el 24 gazetoj el 8 lokoj; 15 en flandra kaj 25 en franca lingvo. La ĉefa temo dum tiu monato estis la komunikoj kaj la raportoj pri nia 16a Belga Kongreso en Mons.

La nova organo «QTC» de la Belga Federacio de radio-elektraj studoj, kies unua numero aperis en Aprilo, enhavas artikoletojn en Esperanto. Ĝi ankaŭ presigas resumojn en nia lingvo. Adreso: S-ro René Destrée, 38, rue de Suède, Bruselo.

## NEKROLOGO

S-ino W. VAN DER BIEST, nask. MARIA DE COCK, edzino de nia malnova amiko D-ro W. Van der Biest, sekretario de la organiza komitato de la 7a Universala Kongreso de Esperanto, mortis en Londono, la 27an de Junio.

F-ino MARIA PAQUAY, membrino de la Esp. Grupo de Verviers, fianĉino de nia samideano Edouard Herion, mortis 18-jara, la 30an de Junio.

S-ro JULIEN DE BAKKER, membro de «La Verda Stelo» post mal longa malsano mortis la 10an de Julio.

S-ro FR. J. VAN SCHOOR, patro de S-ro Jan Van Schoor, unu el la plej sindonemaj membroj de «Verda Stelo» mortis la 22an de Julio.

Al la funebrantaj famalianoj ni prezentas niajn sincerapn kondolencojn kaj la esprimon de nia profunda simpatio.

S-ro Dervaux, prezidanto de la Bruĝa Grupo, informinte la Ligon pri la subita morto de la kara patrino de F-ino Thooris, la sindonema Honora Vicprezidantino de la grupo, S-ro Petiau, nia Ĝenerala Sekretario, faris al si devon reprezenti la belgan esperantistaron ĉe la enteriĝo, kiu okazis la 14an de julio.

B. E. prezentas al nia estimata kaj simpatia samideanino F-ino Thooris kaj al ŝia familio, siajn plej sincerajn kondolencajn sentojn.

---

# XIII INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

## LAŬREATOJ EN BELGUJO.

La nunjaraj floraj ludoj, organizitaj de niaj katalunoj amikoj, estis partoprenataj de granda nombro de konkursantoj. La juĝantaro ricevis pli ol 160 manuskriptojn!

Ni havas la grandan plezuron noti, ke nia lando okupas honoran lokon en la listo de la laŭreatoj.

S-ino LUCETTE FAES - JANSSENS akiris la premion de la «proza ama verkaĵo», kaj krom tio du menciojn en la «mallongaj prozaĵoj»;

S-ro JAN VAN SCHOOR: premion en la «longaj prozaĵoj», mencion en la «versaĵo kantanta amon», kaj mencion en la «longaj originalaj versaĵoj»;

S-ro SIGM. PRAGER: premion en la «mallongaj prozaĵoj»;

S-ro HECTOR VERMUYTEN: mencion en la «mallongaj specialaj temoj».

Eble estas ankoraŭ aliaj, pri kiuj ni ĝis nun ne scias. En tiu okazo ni informos pri tio en proksima numero.

Al ĉiuj laŭreatoj ni prezentas niajn plej korajn gartulojn kaj esperas, ke ili daŭrigos la kulturon de siaj literaturaj kapabloj.

---

# FOTOGRAFAĴO DE LA KONGRESO EN MONS

La kongresanoj kiuj deziras ricevi la fotografaĵon de la kongreso en Mons, bonvolu tuj mendi ĉe la Ĝenerala Sekretario de la Ligo, S-ro Henri Petiau, St. Lievenslaan, 60, boulevard St. Lievin, Gento.

La granda fotografaĵo kostas Fr. 7.—.

La malgranda fotografaĵo kostas Fr. 1.25.

Oni pagu al la ĉekkonto No 1337.67 de «Belga Ligo».

Mendu senprokraste!

# BELGA FESTORGANIZA KLUBO

## RAPORTO PRI LA AGADO DE LA 2a JARO (PENTEKOSTO 1926 — 1927)

Nia klubo kalkulis nunjare kvar novajn membrojn: Sinjorinoj Van Nerom kaj Lucette Faes - Janssens, F-ino Jacobs kaj S-ro Platteuw.

Ĉar la festo en Mons sin anoncis kiel pli grava ol tiu de La Panne, la klubestro ekpenis de Februaro por kunmeti belan, interesan programon ludotan de gesamideanoj el diversaj urboj belgaj: Antverpeno, Bruĝo, Ninove. Li renkontis multan bonvolon kaj dankas ne nur la gepartoprenantojn en la festo de hodiaŭ vespere, sed ankaŭ la helpeman F-inon Yvonne Thooris, al kiu oni sin neniam turnas vane.

Espereble la festo de hodiaŭ vespere plaĉos al ĉiuj gekongresanoj kaj per ĝi, la klubo, je la dua fojo, estos aginta laŭ sia celo.

La klubestro: L. COGEN.

Mons, la 5an de Junio 1927a.

---

# U. E. A. EN BELGUJO DUM 1926

El la raporto, kiun faris en Mons la ĉefdelegito de UEA, pri la stato de tiu asocio en nia lando, ni ĉerpas la sekvantajn ciferojn:

Statistiko pri la membraro en Belgujo:

| | 1920 | 1921 | 1922 | 1923 | 1924 | 1925 | 1926 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Membroj: | 72 | 67 | 74 | 77 | 83 | 160 | 187 |
| Delegitoj kaj Vic-del.: | 13 | 20 | 25 | 28 | 23 | 31 | 36 |

Por 1926 nia lando okupas la 15an lokon anstataŭ la 16an en 1925. Grava progreso estas jam de nun enskribita por la nuna jaro, ĉar ĝis nun la membraro atingas la nombron 235 !

Ĉefaj faktoroj por la lasttempa antaŭenirado de UEA. estis la firmigo de la Esperanta movado en Bruselo kaj la organizo de la perradiaj kursoj de Esperanto organizitaj de Belga Ligo Esperantista.

Se la nuna programo de UEA. postulas 10.000 membrojn en la tuta mondo, ni devas por nia lando preni nian parton, kiu laŭproporcie devas esti fiksata je almenaŭ 300.

Kun iom da energio ni certe povas atingi tiun ciferon!

---

TRA LA MONDO.

# NIA PROGRESADO

**La proksima Universala Kongreso de Esperanto.** — La XIX. Universala Kongreso de Esperanto okazos tiun ĉi jaron de 28 julio ĝis 4 aŭgusto en Danzig. Multenombraj manifestacioj, samkiel oficiala akcepto ĉe la Senato de la Libera Urbo estas antaŭviditaj je tiu ĉi okazo. La esperantistaro festos tiun ĉi jaron la 40an datrevenon de l'apero de Esperanto, lanĉita de D-ro Zamenhof en 1887. I. E. S.

**Universitataj kursoj en Esperanto.** — Universitata Semajno en Esperanto okazos samtempe kun la XIX Universala Kongreso de Esperanto en Danzig, de 28 julio ĝis 4 aŭgusto. Ĝi estos dediĉata al la unuecigo kaj normigo en la kampo de l'scienco, tekniko kaj internacia juro.

Prof. Schmidt, direktoro de la magneta observatorio de Potsdam kaj pluraj eminentaj personoj de div. nacioj faros sciencajn prelegojn en Esperanto.

La programo enhavas la sekvantajn nomojn: Prof. Bujwid, eks-rektoro de la Universitato de Krakovo (Unuecigo en la kampo de l'profilakto); A. Behrendt, Konsilisto en la Poŝta Ministerio, Berlin (La telefon-kabloj por longa distanco: ilia teknika bazo kaj valoro ekonomia); D-ro A. Vogt, Bankiero, Stuttgart (Unuecigo de l'mono); Prof. Hazimo Asada, profesoro ĉe la Universitato de Nagasaki, Japanujo, (Jurmedicino); Ch. Tarelli de la Internacia Labor - Oficejo, Ĝenevo (Unuecigo de l'labor-leĝaro); Prof. D-ro h. c. Schmidt, Potsdam (Unuecigo kaj normigo en la kampo de l'scienco de ter-magnetismo). I. E. S.

**40 jaroj de Esperanto.** — La naskiĝ-urbo de la aŭtoro de Esperanto, Bialystock, en Polujo, samkiel div. aliaj urboj en eksterlando, jam baptis stratojn je nomo de D-ro Zamenhof aŭ de Esperanto. La ban-urbo Zoppot (proksime de Danzig) ĵus nomis straton kaj placon en kvartalo, tre frekventita per eksterlandanoj, laŭ Esperanto. Sur la «Placo de Esperanto» la partoprenontoj de l'XIXa Universala Kongreso de Esperanto de Danzig laŭ invito de la Konsilantaro de l'Urbo de Zoppot plantos kverkon je memoro de l'40a datreveno de l'apero de la internacia helplingo Esperanto. I. E. S.

**Oficiala apogo de Esperanto en Rumanujo.** — Per oficiala cirkulero (Dir. III. Serv. E. N-ro 46271,927.12.4.) la ministro de l'publika instruado de Rumanujo rekomendis al la direktoroj de l'meza instruado doni sian tutan helpon al la organizo de kursoj de Esperanto por lernejanoj samkiel por la publiko. I. E. S.

**Grava decido de la Internacia Unio de Radiofonio.** — Konsiderante la gravecon de Esperanto por Radio kaj la pli kaj pli grandiĝantan intereson por tiu ĉi lingvo en la rondoj de l'radio-amatoroj, la Internacia

Unio de Radiofonio, konforme al propono de Radio-Genève, unuanime akceptis en sia kunsido de 12 majo, en Lausanne, la sekvantan rezolucion:

« Konsiderante, ke la Internacia Unio de Radiofonio deziras favorigi la rektan kontakton kaj la alproksimiĝon inter la popoloj;

Konsiderante, ke la parola radio-dissendado kontribuas al tiu ĉi alproksimiĝo, ĉar ĝi transpasas la limojn de ĉiu lando, sed renkontas kiel ĉefan malhelpon tiun de la lingva malsameco;

Konsiderante, ke la disvastiĝo de internacia helplingvo povus mal-pligrandigi tiun ĉi malhelpon kaj faciligi la universalan interkomprenon;

Konsiderante, ke la Internacia Kongreso de l'Radio-Amatoroj, kunveninta en Parizo en Aprilo 1925 studis la problemon kaj adoptis Esperanton kiel internacian helplingvon;

Konsiderante, ke la Ligo de Nacioj rekomendis al ĉiuj ŝtatoj, rekoni Esperanton, praktikan lingvon de la internaciaj rilatoj, kiel «lingvon klaran» allasitan en la telegrafaj rilatoj;

Konsiderante, ke la Universala Telegrafa Unio en sia Konferenco de Parizo en oktobro 1925 sekvis al tiu ĉi dezir-esprimo, menciante Esperanton en Artikolo VII de sia regularo;

Konsiderante fine, ke Esperanto multe disvastiĝis dum la lastaj jaroj kaj ke ĝi estas regule instruata de post 3 jaroj de tri-deko da radio-stacioj de Eŭropo kaj Ameriko kaj en publikaj lernejoj de certa nombro da ŝtatoj;

**La Internacia Unio de Radiofonio rekomendas al la stacioj, fari provon pri regulaj dissendoj en Esperanto unufoje en semajno dum ĝis 15 minutoj, por anonci al malproksima aŭskultantaro la ĉefajn punktojn de ilia semajna programo aŭ por konigi al ĝi okazintaĵon artistan, intelektan aŭ ekonomian de sia nacia vivo.**

**Ĝi samtempe rekomendas al ili, anoncigi sian stacion unufoje ĉiutage en Esperanto okaze de siaj vesper-programoj. »** I. E. S.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ.

LA ESPERANTISTOJ DE ANTVERPENO ATENTU pri la fakto ke granda trezoro de Esperanto libroj ilin atendas en du publikaj bibliotekoj: 1e en la granda Urba biblioteko popola, Blindenstraat, 19, rue des Aveugles; 2e en la biblioteko de la Ĝenerala Ligo de Diamantistoj, Plantin - Moretus lei, 66, avenue Plantin - Moretus. En ambaŭ librejoj oni senpage pruntedonas librojn al ĉiu kiu sin prezentas kun sia indenteckarto. Niaj samideanoj havas do la plej bonan okazon por perfektiĝi en nia lingvo.

ALVOKO AL LA ESPERANTISTAJ HOTELESTROJ. — Hoteloj estas la deviga rekontejo por ĉiuj vojaĝantoj, turistoj. Des pli facilaj estas la rilatoj inter gastoj kaj gastigantoj, ju pli agrablaj estas la vojaĝoj ĉu por aferoj, ĉu por plezuroj.

Esperanto estas eble la plej bona perilo por faciligi la diritajn rilatojn: sed, tiam esperantistaj hoteloj devas sin konigi!

Tiucele, ni intencas, krei **Asocion de Eŭropaj Esperantistaj Hotelstroj**: ĉiuj interesuloj bonvolu sendi ideojn aŭ proponojn al:

S-ro BENOIT, delegito de U. E. A., Grand Hôtel d'Oostduinkerke (Belgujo).

aŭ: S-ro J. VAN DOREN, sekretario de «Mara Stelo», Hôtel Continental, La Panne (Belgujo).

INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTA POŜT-, TELEGRAF - OFICISTARO estas unu el la plej bone organizitaj fak-asocioj. Ĝi havas delegitojn en pli ol 40 diversaj landoj kaj eldonas bonege redaktitan kaj riĉe dokumentitan organon «La Interligilo de l'P. T. T.» kun kunlaborantoj en la kvin mondpartoj. La kotizo estas Fr. belg. 20.— La belgaj poŝt- kaj telegraf-oficistoj Esperantistaj sin turnu por aliĝo kaj pliaj informoj al la ĉefdelegito en Belgujo: S-ro Hubert Wathelet, 11, rue des Vergers, 11, Liège (poŝtĉeko N-ro 1940.40).

BRAZILA ALBUMO estos eldonata de S-ro Raphael Nogueira. Kiu deziras ricevi senpagan ekzempleron, skribu tuj al citita samideano samideano sur ilustrita poŝtkarto kun la poŝtmarko adresflanke. Adreso: Raphael Nogueira, Carangola, Estado de Minas, Brazilo.

KIU BELGA INSTRUISTO - ESPERANTISTO, kiu batalas kontraŭ uzado de tabako kaj alkoholo, deziras korespondi kun pola samcelanto? Li sin turnu al S-ro B. Gluchowski, instruista, Warszawa IV, ul. sw. Wincentego 80.

LA NUN ĈIEKONATA KANTO «VALENCIA» estas tradukita en Esperanto de nia samideano Raymond Schwartz, kiu akiris per sia laboro la premion (keston da oranĝoj) en la koncerna kurkurso organizita de la gazeto «Suno Hispana».

Kiu povas havigi ekzempleron de «PAĜOJ EL LA FLANDRA LITERATURO» bonvolu skribi al S-ro Gerard Vlighe, Kortrijkstraat, 92, LAUWE.

PETO DE BRITA ESPERANTO - ASOCIO. — La biblioteko de tiu asocio regule bindigas la kolektojn de Esperanto - gazetoj. Mankas al ĝi la No 1 de 1911 de «Belga Esperantisto». Kiu povus havigi tiun numeron skribu al S-ro Montagu C. Butler, Bibliotekisto de B. E. A., 142 High Holborn, London W. C. 1.

---

KONSERVU vian kapitalon por igi ĝin profitdona kaj

# AĈETU

Meblojn
Oraĵojn
Manĝilaron
Kuirilojn
Varmigilojn
Lumigilojn
Tablotukaron
Tolon
Kotonon
Beltojn
Vojaĝartiklojn
Biciledojn

Fotografaparatojn GOERZ, KODAK, AGFA, k.t.p.

ĈION, KION VI DEZIRAS kun

## 12, 15, 20 kaj 24 MONATOJ DA KREDITO

*de la* ***AGENCE DECHENNE*** *S. A., 18-20-22-24, rue du Persil,* ***BRUSELO***

PETU NIAJN SENPAGAJN KATALOGOJN.




# "HIS MASTER'S VOICE"

## APARATOJ KAJ DISKOJ

Petu informojn, katalogojn kaj prezojn al niaj Agentoj.

Kiu aŭdis nian aparaton, certe aĉetos ĝin.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO : "PERFECTA" GENT

TELEFONO : 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

ĈIF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders - Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)